Ve JARO -- No 51

6 PAĜOJ : 6 Spesdekoj (15 Centimoj)

20 MARTO 1909

DIREKTORO : Hector HODLER

ABONO

Unu jaro ₷ 1,60 (4 frankoj)
Oni abonas ĉe la lokaj agentoj, Esperanto-Oficejoj aŭ ĉe la administrejo.

Redaktejo & Administrejo : 8, rue Bovy-Lysberg, 8 GENÈVE (Svisujo)

# ESPERANTO

OFICIALA ORGANO DE UNIVERSALA ESPERANTO ASOCIO

Duonmonata Internacia Gazeto

DIREKTORO : Hector HODLER

REKLAMO

| | | |
|---|---|---|
| 1 paĝo. . . | 160 ₷ | (400 fr.) |
| 1 kolono. . . | 32 » | ( 80 fr.) |
| 1/2 » . . . | 16 » | ( 40 fr.) |
| 1/4 » . . . | 8 » | ( 20 fr.) |
| 1/8 » . . . | 4 » | ( 10 fr.) |
| 1/16 » . . | 2 » | ( 5 fr.) |

Ĝeneralaj Agentoj ; Presejo DEVICHI, *Chalon-s-Saône* (Francujo) ; G. WARNIER, 15, rue Montmartre, *Paris* ; C.-A.-G. BROWNE, 51, Wych Str., *London*; W. C. ; KŒTZ, Rathausstr., *Leipzig*.

## La Organizo de nia Movado

*La rolo de la diversaj organizajoj de Esperantismo (grupaj, naciaj societoj, fakaj societoj, U. E. A.) ; ilia tasko, iliaj rilatoj.*

II

La *fakaj societoj* kunigas ĉu samprofesianojn (ekz. sciencistoj, juristoj, instruistoj), ĉu sampartianojn (ekz. katolikoj, socialistoj, k. a.). Tiuj societoj celas faciligi la internaciajn rilatojn inter siaj membroj por ilia profito kaj konigi Esperanton ĉe samprofesianojn aŭ sampartianojn per eldono de propagandiloj. Ili povas laŭ la modelo de U. E. A. havi konsulojn en la diversaj urboj por siaj vojaĝantaj aŭ informpetantaj membroj (kiel la kuracista Societo). Ekzemple, Esperantista kuracisto, membro de U. E. A. kaj de sia profesia societo, se li vojaĝas, vizitos unue la Delegiton de U. E. A. por havi informojn ĝeneralajn pri la loko, poste la konsulon por kuracistoj, se li deziras informiĝi pri teknikaj lokaj medicinaj demandoj. Idea faka societo povos propagandi sian celadon ĉe Esperantistoj, per broŝuroj, aŭ per ĵurnalo, k. c.

Fakaj societoj estas internaciaj, sed ili povas dividiĝi laŭ lokaj sekcioj Ekzemple, studentoj de sama urbo povos formi studentan grupon por propagandi Esperanton ĉe la studentojn de sia urbo kaj altiri fremdlandajn kolegojn en sian lokon per publikigo de Esperante redaktita gvidfolio pri sia universitato, organizo de kursoj pri nacia lingvo per Esperanto, k. c. La aplikajoj estas sennombraj pri ĉiuj ajn fakoj.

Por plenigi tiun skizon pri la signifo de la diversaj organoj de nia movado, ni aldonu kelkajn vortojn pri la Lingva komitato aŭ Akademio. Ĝia rolo estas proksimume sama, kiel tiu de la nacilingvaj similaj aŭtoritatoj, t. e. ĝi konstatos la evolucion de la lingvo, liveros laŭbezone lingvajn konsilojn kaj helpos al la pliriĉigo de Esperanto, instigante la verkadon en ĝi per konkursoj, k. c. ; ĝi antaŭ ĉio estos literatura institucio. Pri teoriaj diskutoj ĝi sin ne okupos ; ĝi estas Academio ne por lingvo internacia, sed por difinita lingvo vivanta Esperanto, kiu estas la apartenaĵo de ĝiaj uzantoj kaj, kiel ĉiu lingvo, povas modifiĝi nur per la vivo.

⁂

Kiaj estas la rilatoj inter tiuj diversaj organizaĵoj : U. E. A., propagandaj societoj, fakaj asocioj, k. c. ? Ĉu, malgraŭ la malsameco de iliaj taskoj, ili povas kunlabori kaj sin reciproke helpi ?

Ni opinias, ke jes. Tiuj diversspecaj organizaĵoj sin kompletigas unu la alian, kaj neniel konkuras, kondiĉe ke ĉiu konsciu pri sia propra rolo.

Kiel ni vidis, la grupo unuparte propagandas Esperanton ĉe enlandanoj, kaj konigas sian lokon per Espepanto ; ĝi do havas rolon de produktanto ; male, U. E. A. estas aro da personoj, kiuj uzas Esperanton ; ĝi havas rolon de kliento. Plej ofte la grupo aŭ la nacia societo varbas Esperantistojn dank'al la propagando, kiun ĝi faras ĉe la enlandanoj mem, sed, en ĝenerala maniero, ĝi povas sukcesi, nur se ĝi montras la praktikajn profitojn, riceveblajn de la personoj kiuj lernos Esperanto, dank'al la servoj staŭigitaj de U. E. A. La plej multon de siaj membroj U. E. A. tiras direkte aŭ nedirekte el la agado de la grupoj, sed siaflanke ĉitiuj povas propagandi Esperanton en seriozaj rondoj, nur se ĝi povas pruvi, ke ĝi alportas utilon por la internaciaj rilatoj ; tiun utilon liveras U. E. A., ne la propagandaj societoj. Oni do vidas, ke ili sin reciproke kompletigas, kvankam ĉiu konservas tute apartan rolon. En multaj okazoj povas kunlabori kaj jam kunlaboris U. E. A. kun la grupoj. Ekzemple, se U. E. A. deziras konigi la servojn, kiujn gi starigis por junuloj kaj sekve havi uzantojn de tiuj servoj, ĝi petos per sia Delegito, ke la grupoj bonvolu klopodi al la direktoroj de la lokaj lernejoj, ke ili organizu Esperanto-kurson kaj ĝi de tio ricevos peran profiton. Aliparte, Esperanto-Oficejo estas starigita de nia Delegito, sed povas uzi ĝin ĉiuj lokaj grupoj por afiŝigi siajn komunikaĵojn, pagigi siajn kotizaĵojn, k. c. Ni diris ke la grupoj por konigi sian lokon al la fremdaj vizitantoj, eldonas gvidfoliojn, sed tiujn gvidfoliojn uzos ĉefe membroj de U. E. A. ; estas do necese, ke ili estu kiel eble plej praktikaj kaj farataj laŭ sama metodo. Tiam utilas U. E. A. ; ĝi zorgos pri ilia eldonado, kiu estos pagata de la grupoj, laŭ la supre klarigita vidpunkto. Same por disdonigi gvidlibrojn en ĉiujn landojn, la grupoj aŭ regionaj societoj nepre bezonas la specialan servon de reklamo, kiun starigis U. E. A. Oni povas facile multigi la ekzemplojn, ĉerpitajn el la pasinto. Ĉie oni konstatus, ke grupoj kaj U. E. A. reciproke bezonas unu la alian, kiel produktanto bezonas klienton kaj peranton. Kompreneble, ĉio, kion ni diras pri grupoj aplikiĝas ankaŭ al la naciaj societoj, kiuj havas saman rolon kiel ili, sed super pli granda teritorio. U. E. A. estas nek sub, nek super, nek flanke de nacia societo ; ĝi estas io alia, havas malsaman celon, malsaman agadon, sed ambaŭ sin reciproke kompletigas. En la estonteco, riĉa societo, nacia aŭ loka, povus monhelpi U. E. A. ; reciproke tiu ĉi lasta povus okaze monhelpi malriĉan grupon por faciligi la kreon de movado, kiu nedirekte helpos al ĝi.

Same, fakaj societoj ankaŭ bezonas la servaron de U. E. A. Ni supozu, ke ia religia asocio deziras konigi siajn ideojn per Esperanto kaj por tiu celo eldonis broŝuron senpage disdonotan. Por ĝin ĉien dissendigi, ĝi bezonas la reklaman subfakon de U. E. A., kiu plenumas rolon analogan al tiu, kiun en ia regno plenumas la poŝto. Nian Asocion bezonas ankaŭ tiuj fakaj societoj por trovi korespondantojn en la diversaj urboj de l' terglobo, enmetigi artikolojn en la lokajn gazetojn, peti informojn pri samfakanoj, k. c. En tiuj okazoj U. E. A. estas bonega perilo.

La supraj multaj rilatoj povas esti konkretigitaj en la jena formo : ĉiu grupo, societo loka, regiona aŭ nacia, oficejo, faka asocio, gazeto, k. c. povas aliĝi al U. E. A. kiel *Esperantia entrepreno*, t. e. organizaĵo, kiu uzas la specialajn servojn starigitajn de U. E. A. por ili — kondiĉe ke ilia celo ne estu kontraŭa al tiu de U. E. A. (1). Oni vidas, ke per tiu simpla maniero, ĉiuj ekzistantaj organizaĵoj, propagandaj aŭ fakaj, ĉiuj gazetoj, oficejoj, k. c. povas aliĝi al U. E. A. kaj rilate al ĝi oficiale ekzisti kaj ĝin uzi por siaj propraj celoj.

Aliparte, okazos ofte, ke *ĉiuj* membroj de Esperantista grupo aŭ societo speciale de fakaj societoj aŭ specialistaj sekcioj (ekz. komercistoj, studentoj, k. c.) estas jam membroj de U. E. A., ĉar ĉiuj havas intereson en la vivo internacia kaj ilia regularo difinas, ke ĉiuj membroj estu Esperantianoj, aŭ ke membroj de U. E. A. ĉu de sama lando, ĉu de sama profesio, ĉu de sama idea tendenco, sin kunigas por defendi siajn komunajn interesojn. Tiam la dirita societo estos konsiderata kiel *Esperantia Asocio* (2) (jam ekzistas kelkaj).

En tiu okazo ĝi nur bezonos sendi ekzempleron de sia regularo al la komitato de U. E. A., kiu konstatinte, ke ĝi ne kontraŭas al la celo de U. E. A., ĝin enregistrigos, kio donos al ĝi la rajton uzi la specialajn servojn de nia asocio, havi kun ĝi oficialajn rilatojn, esti enskribata en la Oficiala Jarlibro, kaj, verŝajne, aŭ proponota aldono al la regularo, partopreni oficiale en U. E. A., kiam ili estas per si mem sufiĉe gravaj k. c. Esperantia asocio diferencas do de Esperantia entrepreno per tio, ke ĉiuj ĝiaj membroj estas Esperantianoj kaj ĝi sekve, kiel asocio, pagas nenian kotizaĵon. Ĉiuokaze, ĉu societo aligas ĉiujn siajn membrojn al U. E. A. aŭ nur parton da ili, estas necesege, ke konforme al la regularo de nia asocio tiuj aliĝoj estu farataj per niaj Delegitoj. U. E. A., laŭ sia regularo, rajtas fari nenian specialan esceptan aranĝon kun societo loka, nacia aŭ faka, rilate al la kondiĉoj de membriĝo, ĉar tio absolute kontraŭstarus ĝian neŭtralecon, kiu estas esenca kondiĉo de vivo. Al la eksteraj organizaĵoj mem apartenas la zorgo, decidi, ĉu ĉiuj iliaj membroj devas aliĝi al U. E. A., aŭ ĉu nur la organizaĵo devas aliĝi kiel Esperantia entrepreno, lasante siajn membrojn tute liberajn pri aliĝo aŭ ne, laŭ iliaj interesoj. Sed estas memkompreneble, ke ĉiuj organizaĵoj Esperantistaj havas la moralan devon helpi U. E. A. per sia aliĝo, — kio cetere estos potenca garantio pri la unueco kaj plifortikiĝo de nia movado.

⁂

La organizo, kiun ni jus montris, ne estas teoria propono ; ni nur penis difini la rolon de la diversaj ekzistantaj organoj kaj la rilatojn, kiuj ekzistas inter ili. Ĉiuj elementoj por tia organizo jam ekzistas ; estas nur necese, ke ili konsciu pri sia ĝusta celo kaj situacio en nia movado, kaj laboru laŭ tiu direkto. Ni havas la profundan konvinkon, ke organizita tiamaniere, nia afero akirus grandegan forton kaj nedetrueblan unuecon. Tiu sistemo samtempe kunigas la bonaĵojn de alcentrigeco kaj decentrigeco, ĉar : unuflanke, U. E. A. pro sia unueco, internacieco, disvastiĝo kaj rezultanta graveco, havos la necesan potencon por organizi praktikan servaron por siaj membroj kaj kiel eble plej multig inter ili la ligilojn de solidareco, aliflanke la sendependaj grupoj, societoj, organizaĵoj, gazetoj, povos organiziĝi laŭ al maniero la plej laŭga por la lokaj aŭ naciaj bezonoj, kutimoj, institucioj, aŭ por profesiaj aŭ ideaj interesoj, kaj, ĉar ili bezonos U. E. A., povos aliĝi al ĝi kiel Esperantiaj entreprenoj aŭ asocioj. Per unu vorto, libereco en unueco.

Dank 'al tiu racia organizo, Esperantismo certe, nerezisteble plipotenciĝos kaj, tiel armita, iom post iom sin trudos al la ekstera mondo, dum pli kaj pli elbrilos ĝia socia rolo. Oni tiam ankaŭ konstatos, ke la ideo pri supernacio ne estas fantaziaĵo de frenezulaj cerboj, sed estos enkorpigita en materiala formo kaj nenio jam povos ĝin detrui, ĉar inter ĝiaj anoj ekzistos tiuj fortikaj ligiloj, kiujn kreas harmonia organizo, gvidata per difinita celo.

H. HODLER.

(1) Esperantia entrepreno pagas kotizaĵon da 2 Sm. jare.

(2) Esperantia asocio pagos nenian kotizaĵon. Ĝi, kiam ĝia membraro superos difinitan kvanton, havos precizajn rajtojn en U. E. A.

# SOCIA VIVO

## JURO

### Kiamaniece havi bonajn policanojn !

La policanoj Londonaj estas ĉiulande admirataj kaj enviataj. [illegible] manujo, Francujo, Usono kaj eĉ el Hindujo, policanaj kaj registaraj oficistoj estis senditaj al ĉi tiu lando por sciiĝi kiamaniere la civitaj policanoj fariĝas kapablaj konduki la popolamason kiel ŝafaron.

La membroj de tiu tutmonde fama polico estas la plej fortaj kaj bonkarakteraj, ankaŭ la plej lertaj viroj de la lando, ĉar por ĉiu deko bezonata, kelkaj centoj postulas en varbon.

Personoj, kiuj deziras kunigi la gardistan korpuson devas sin prezenti ĉe la ĉefoficejon, kie inspektoroj ekzamenos la postulantojn kaj akceptas enskribi nur tiuj, kiujn ŝajnas sufiĉe taŭgaj por la metio.

Post tiu ĝenerala trarigardo, aliaj inspektoroj atente ekzamenas la karakteron, kaj ĉian kapablon de la varbotulo. Tiam li estas sendita al la ĉefkuracisto de la Polica Malsanejo. La malmultaj feliĉuloj, kiuj superas tiujn multajn diversajn provojn, estas sendataj al la Polica lernejo en Snorvhull, kie dum du monatoj oni instruas ilin pri iliaj devoj kaj ĉiuj necesaĵoj de ilia nova profesio. Ili ĉeestas kursojn de leĝoscienco, skribado, marŝado salutado, kaj ankaŭ — ofte la plej necesa — kurson de vindefendo. Kelkfoje ili estas senditaj al la juĝejoj por alkutimiĝi al la manieroj de l'juĝistoj kaj sciiĝi kiamaniere ĵun kaj alparoli le juĝistaron.

La geografio de l'civito devas esti nepre konata de la policanoj kaj ili estas devigataj trapromenadi la lokojn kiujn ili devos observi.

Fine, la novaj rekrutoj estas sendataj al la tajloro por ricevi sian nigra-bluan uniformon, kaj nur post ekzercado en tiu nova vestaĵo por ke ĝi estu neĝena, ili dum la tuta tempo ili estas ĉe la lernejo, ili faras gimnastikajn kuradojn, provas la tenilojn kaj premegilojn uzotajn por senpovigi la malfacilaj maleiberuloj.

La ĉefkuracisto instruas la nove varbitajn kiamaniere helpi kaj priatenti vunditojn, almenaŭ ĝis la alveno de doktoro.

Kiam la junaj policanoj bone scias ĉion necesan, ili komencas noktan servadon ĝis kiam ili tute alkutimiĝis sian novan profesion.

P. B. (Londono).

## KOMERCO & INDUSTRIO

### Kiel oni ŝparas postelspezojn

Sub la surskribo « Kiel oni ŝparas poŝtelspezojn » estis publikigita en konata germana gazeto malgranda artikolo, per kiu la aŭtoro intencis pruvi, ke iu, kiu deziras sendi leteron de Parizo al Berlino, sen devigo al rapida transporto povas ŝpari 5 centimojn, ne ekspedante la leteron rekte, sed antaŭe irigante ĝin de Parizo al Marokujo kaj de tie forsendigante, per la germana poŝto, Berlinon. Estas ĝuste, ke oni ŝparas, sed la ŝparata sumo estas eĉ ankoraŭ pli granda ol estis dirita en la nomita artikoleto, ĉar Marokujo ne havas la francan, sed sian propran malplivaloran valuton. La maroka mono, kiu certe iam, antaŭ multe da jaroj, samvaloris la francan kaj tiam ankoraŭ dum iom da tempo havis la saman valoron kiel la hispana, perdis, kiel la lasta, rilate al valoro tre multe per la hispana-amerika milito, la Buhamara ribelo, la malŝparo de Abdul Asis, unuvorte per la bataloj en la lastaj jaroj, tiel ke ĝi nun valoras, rilate al la franca mono, ĉirkaŭe 60 po 100. Dek centimoj da enlanda mono do valoras nur 6 1/4 centimojn da franca mono. Sendante siajn leterojn de Parizo al Berlino sur la malrekta vojo trans Marokujo, oni do ne nur ŝparas 5 centimojn, sed 5 3 3/4 t. e. 8 3/4 centimojn, ĉar oni bezonas nur 10 centimojn da maroka mono por afranki nun leteron de Marokujo al Berlino. Ankaŭ la Berlinano, kiu direktus siajn leterojn al Parizo trans Marokujo, profitus, ja ne tute tiom, kiom la Parizano, sed certe 6 1/4 centimojn. Ĉar ĝis Tangero nun letero kostus 10 pfenigojn, de Tangero ĝis Parizo nur 6 1/4 centimojn. Sed rekte ĝis kostas 20 pfenigojn aŭ 10 pfenigojn 12 1/2 centimojn. Oni do ŝparus 6 1/4 centimojn aŭ ĉirkaŭe 5 pfenigojn. Per tio jam estas videble, ke Marokujo, rilate al sendkosto de leteroj, estas tre malkara lando, eble la plej malkara el ĉiuj landoj kun moderna poŝta organizo, sed nur en la enlandaj interrilatoj kaj en la interrilatoj kun Germanujo, Anglujo kaj Francujo. Dissendate per la poŝtoj germanaj, anglaj kaj francaj al lokoj en Marokujo mem aŭ al la patraj landoj kaj ties kolonioj, leteroj sen tropezo kostas 10 centimojn aŭ 5 pfenigojn, poŝkartoj 5 centimojn aŭ 2 1/2 pfenigojn kaj presaĵoj sen tropezo 3 centimojn aŭ 1 1/3 pfenigojn. Nur la Hispanoj en Marokujo ne havas, rilate al sendkosto, la samajn profitojn kiel Germanoj, Angloj kaj Francoj, ĉar iliaj poŝtoficejoj akceptas nur hispanajn monerojn kiel pagilon. Koncerne kiam la diferenco inter la hispana kaj la malleviĝanta maroka valuto fariĝis pli kaj pli granda, ankaŭ la poŝto germana angla kaj franca volis akcepti nur hispanajn monerojn, ĝis frue la germana poŝto permesis, ke la poŝtmarkoj estas pagataj per enlanda mono. Per tio la Francoj kaj Angloj estis devigataj imiti tiun ĉi ekzemplon, ĉar alie la Germanoj estus tro multe konkurintaj. La enlanda tarifo inter Marokujo kaj la patra lando estis enkondukata antaŭ ĉiuj de la Francoj, kiujn baldaŭ sekvis Germanoj kaj Angloj. Oni ne devas mallaŭdi la eŭropajn komercistojn, ke ili uzas tiun ĉi favoran okazon por profiti. Dissendante mase reklamajn leterojn, ili havas tre grandan gajnon. En la citita artikoleto estas dirata : Ĉar la dirita hungara loteria asocio dissendas centmilojn da leteroj, ĝi ŝparas, ekspedante de Marokujo, 150.000 frankojn je ĉiu miliono da leteroj. Certe per tio ĝi povas vivteni en Tangero propran oficiston. Nu, se la loteria asocio efektive havas la intencon elspezi 100.000 frankojn por unu miliono de leteroj de Marokujo al Germanujo, Anglujo kaj Francujo, mi dezirus esti, sen iom da salajro, ĝia ĉi-tiea agento. Tiam por ĉiu miliono da leteroj, ĉar ili kostas al mi nun 100.000 pezetojn marokanajn aŭ 62.500 frankojn, ni ricevus profiton da 37.500 francojn, preskaŭ tiom kiom prusoministro, kaj tio nur, ĉar la sendkosto estas en Marokujo tiel malkara. Laŭ mia opinio, U. E. A. devus havi en Marokujo fidindan personon kiel komercan konsulon kaj tian agenton por leteroj. Per tio U. E. A. povus montri sian praktikan utilecon por ĉiuj leterskribantoj, speciale la komercistaro.

D-ro M. K. (BROMBERG).

### La Federacio Internacia de la Konstantaj komitatoj de Ekspozicioj.

(Fédération internationale des comités permanents d'expositions), kiu estis formita dum la IIa internacia ekspozicia konferenco en Bruselo (Bruxelles), enhavas Germanujon (permanenta ekspozicia komitato por la germana industrio, fond. 1906.) plue Belgujon, Danujon, Francujon, Italujon, Holandon, Svislandon kaj Hungarujon. La administracio de la federacio estas en Bruselo ; la franca komitato nun prezidanta kiel la unue ekzistanta estos anstataŭigita per la Germana dun la IIIa internacia ekspozicia konferenco, kiu havos lokon printempe 1910 en Berlino.

M. K.

## KONGRESOJ & FESTOJ

### Rio de Janeiro.

De la 1a de Aŭgusto ĝis la 30a de Septembro nunjara okazos ĉi-tie la IVa Latin-amerika medicina kongreso ; kune kun ĝis estos aranĝata Internacia Higiena Ekspozicio. La ŝtata registaro donos kiel subtenon por la celoj de l'kongreso kaj de l'ekspozicio la sumon da 300 Contos de Reis (preskaŭ 350,000 Sm.) La ekspozicio, starante sub la administrado de Dro. A. de Azevedo Sodré, havos lokon en la luksegaj konstruaĵoj de la lastjara Nacia Ekspozicio. La nuna ekspozicio montros al la publiko aparatojn, instrumentojn kaj ĉiuspecajn objektojn, kiuj servas al celoj medicinaj kaj higienaj.

En Rio de Janeiro ekzistas vivplena intereso por ĉiuj demandoj de la higieno. La batalado kontraŭ la diversaj malsanoj de la lando, kiu ŝajne — almenaŭ koncernante la flavan febron — jam nun havas sukceson, estas kaŭzinta, ke gravaj sumoj estas eldonataj por higienaj celoj. Pro tio la medicina industrio trovos en Brazilujo bonan kampon por vendado. Demandojn pri akcepto al ekspozicio oni sendu ĝis la 30a de nunjara Aprilo al la Ĝenerala Sekretariejo de l'Ekspozicio en Rio de Janeiro, kies adreso estas No. 7, rua Uruguayana, aŭ al nia samideano A. Franzerez, rua St.-José, 8. Por interesuloj estos utile kaj efike, sin turni pro reprezentado ĝustatempe al li aŭ al alia konfidinda firmo,

D-ro M. K.

⁂

### Komuna Kongreso de bohemaj partianoj de Esperanto, pacifismo kaj libera penso.

Tiu kongreso, kiu okazos dum la venonta Pasko, daŭros tri tagojn (10.-12. VI. 09). Ĝi konsistos el tri manifestadaj (ĝeneralaj) kunsidoj kaj el la kunsidoj de sekcioj kaj komisioj. Krom tio estos aranĝita granda ekspozicio kaj vespera amuzaĵo (12. VI.). Samtempe okazos ankaŭ societaj kunvenoj (ekz. komitata kaj membra kunvenoj de *Bohema asocio esperantista*). Speciale por esperantistoj estos aranĝita esperanta kunveno, en kiu oni diskutos esperante, kaj ekzamenoj de ekzamenaj komisioj de « B. asocio esp. ». La temoj de paroladoj en la ĝeneralaj (manifestadaj) kunsidoj estas : *I a kunsido* (Libera penso) : La evolucio de la libera penso dum la lastaj jaroj. Libera penso kaj la plej novaj tendencoj religiaj, Libera penso kaj la evolucio de la socio ; *II a kunsido* (Esperanto) : Neŭtraleco de esperanto (Dro Kamaryt). Patriotismo kaj esperanto (H. K. Bouŝka). Esperanto kaj libera penso (Dro A. Batĉk). Esperanto kaj pacifismo (A. Alferi) ; *III a kunsido* (Pacifismo) : Historio de pacifismo, Nuntempa stato de pacifismo, Propagando de pacifismo. Propono pri la organizo por defendado de tuthomaraj interesoj. Same la komuna ekspozicio konsistos el tri sekcioj apartigitaj (la sendaĵojn por esperanta sekcio oni adresu al la redakcio de « Bohema esperantisto », Praha-III, Kampa 495, Rohemujo). La prepara komitato, konsistanta el membroj de *Bohema asocio esperantista* (Riskup. Bouŝka. Dr. Kamaryt), *Pacifista sekcio de « Jednota Komenského »* (Alferi, Klečka) kal *Bahema sekcio de « Libera penso »* (Novak, Novakova, Myslik) sincere invitas ĉiujn samideanojn bohemajn, ke ili grandnombre partoprenu en tiu ĉi festo, ĝi ankaŭ kore invitas la fremdajn samideanojn, kiuj povus kaj volus verturi dum Pasko en Praha'n, ke ili estu niaj gastoj (Oni skribu al ĝenerala sekr. de « B. A. E. » Dro Kamaryt, Praha VI. Boh.). Ĉiu estos bonvenanta kaj mi esperas, ke venos multegaj samideanoj por manifesti nian komunan ideon.

*H. K. Bouŝka. (Praha.)*

## GEOGRAFIO

### Nova regno.

La kvar Britaj Sud-Afrikaj kolonioj (Cape, Natal, Transvaal, Orange), kiel jam estis de longe, priparolite, laŭ la ekzemplo de Kanado kaj Aŭstralio, federiĝis en unu nova regno, sub nomo Unuigitaj ŝtatoj de Sud-Afriko. La kanstitucio de tiu lando ĵus estis preparita de la delegitoj de la kontraktontaj ŝtatoj. Laŭ ĝi, ĉiu ŝtato konservas sian memstaran juran kaj politikan organizaĵon, sed plie por la demandoj de komuna intereso ekzistos ankaŭ komuna administrado kiu konsistos el registo, elektita de la Brituja reĝo kaj reprezentanto deĝi, kiu administro per siaj ministroj ; li mem ricevos jarsalajron da 1000,000 ₷, kaj el Parlamento, dividata en du ĉambroj, nome la Senato, el kiu 8 membrojn elektos la registo kaj 32 la ŝtataj parlamentoj, kaj la konsilantaro el 121 membroj, laŭ la loĝantaro de ĉiu kolonio. La lingvoj angla kaj holanda estos oficiale uzataj. La Parlamento sidos en Capetown, sed por kompensi aliaj superaj aŭtoritatoj sidos ankaŭ en Pretoria kaj Natal. La nunaj ŝuldoj de la kolonioj estos reprenataj de la nova regno. La Unuigitaj ŝtatoj de Sud-Afriko havas loĝantaron da 7,724,000 homoj ; la ĉefaj urboj estas Cape-Town (169,000 loĝantoj), kaj Johannesburg (160.000) kiu estas la centro de la ormina produktado.

A. R.

### Arabia fervojo kaj ĥolero.

Antaŭ nelonge grava fervojo estis inaŭgurita en Arabio kaj Azia Turkujo kaj ni povas jam difini, ke kiam ĝi estos tute finita kaj uzata havos plej gravajn konsekvencojn, precipe el politika vidpunkto. Tiu fervojo, nomata Hedjaz, estis konstruata malgraŭ multegaj malhelpoj, ĉu naturaj, ĉu financaj ; ĝi tamen estis ĝustatempe efektivigita kaj nun ekfunkcias. Tiu mondgrava nova linio foriras de Konstantinoplo-Scutari, trapasas Alep, Damas, Maan, direktiĝas suden tra la dezerto kaj atingas Medinon ; pli malfrue ĝi estos plilongigata ĝis La Mekka, la sankta centro de l'Mahometanaro kaj la vojaĝon, kiu antaŭe postulis longajn tagojn kaj longajn pretigojn, ĉiu povos fari en kvin tagoj.

Bedaŭrinde, se unuparte tiu nova linio plifaciligas la rilatojn kun Arabio kaj malfermas novajn teritoriojn al la homo civilizita, ĝi aliparte prezentas diversajn danĝerojn, el saniga vidpunkto.

Oni efektive scias, ke La Mekka, kiel aliaj pilgrimlokoj, estas fonto de disvastigantoj de ĥolero. Inter La Mekka kaj Eŭropo estas necese starigi remparon de lazaretoj en taŭgaj lokoj, por ke tiu timinda epidemio ne denove infektu Eŭropon. Malgraŭ la longeco de tridektaga vojaĝo, pilgrimantoj el Indujo povas alporti la malsanon al la sanktaj lokoj ; kontraŭe, la ĥolero ne estis transportita de la pilgrimantoj, kiuj vojaĝis pli ol 35 tagojn. Kio okazos, kiam, sekve de la rapideco de la fervojaj komunikoj, anstataŭ la longa vojaĝo per karavanoj, la pilgrimantoj estos liberigitaj dek-kvin tagojn post sia foriro el La Mekka

dek-kvin tagojn post sia foriro el La Mekka kaj loĝos en densaj kaj nesanaj lokoj, kiel Damas, Alep, Beyrouth? Estas espereble, ke la higienistaro scios trovi antaŭzorgajn rimedojn por eviti la revenon de tiu terura epidemio en Eŭropon. Kun granda malfacileco ĝi estis preskaŭ elpelita el Eŭropo; la fervojoj, al kies konstruo partoprenis la Eŭropanoj, ne utilu por dissemi denove inter ili tiun mortigan malsanon.

F. T. (Parizo).

## La kakaofojro en Lisabono.

El la germana jurnalo « komerco kaj industrio » (Handel und Gewerbe Nr. 22, 5 Marto 09) ni ekvidas, ke la komerca ĉambro de Altona favore raportis pri la deziro de tiea granda kakao — kaj ĉokoladofabriko, ke ĉe la imperia konsulejo en Lisabono komerca kompetentulo okupu oficon kiel helpanto. Ĝi skribas, ke preskaŭ triono de ĉiuj kakaofaboj, destinataj per la fabrikado de konsumaĵoj, estas aĉetataj de Portugalo kaj de ĝiaj kolonioj kaj ĉar la rilatoj inter Portugalo kaj ĝia antaŭa kolonio Brazilujo konstante fariĝas pli intimaj, la germanaj fabrikantoj tute dependas de Portugalo koncerne la ricevo de la kakaofaboj. Tial estus nepre necese por ili havi fidindajn informojn pri ĉio, kio koncernas la vendadon kaj aĉetadon de kakaofaboj k. t. p., sed pro la grandaj kostoj ili ne povus pagi mem konstante propajn raportistojn. Estu de afero de l'imperio, fari tion taskon per dungado de komerca kompetentulo kiel helpanto de la ĝeneralkonsulo, kiu krom tio povus servi al aliaj branĉoj de germana komerco kaj industrio.

Ni tre bedaŭras ke la germanaj komercaj ĉambroj évidente ne konas la bonajn servojn, kiujn Esperanto kaj speciale U. E. A. povos efiki en tiu ĉi kaj en multaj aliaj similaj kazoj. Ĉar antaŭirante la malfacilan vojon de helpo oficiala, estus pli bone, provi la rimedon de helpo privata, kiun prezentas nia asocio, memkompreneble ne nur al la germanaj fabrikantoj, sed al ĉiuj interesemuloj de l' mondo.

Tial ni petas niajn samideanojn en Lisabono, sendi konstante al ni fidineajn raportojn pri la kakaofojro publikigotajn en nia gazeto. Eble per tio ni konvinkos la komercajn ĉambrojn pri la utileco de Esperanto kaj Esperantio (U. E. A.).

Đ-ro M. K. (Bromberg).

## Internacia federacio de naciaj komitatoj ekspoziciaj.

Al tiu en la lasta numero nomita komitato apartenas nun jenaj naciaj komitatoj :

*Belgujo* : Comité Belge des Expositions à l'Etranger, fondita 1908.

*Danujo* : Udvalget for Udenlanske Udstillinger., fondita 1908.

*Francujo* : Comité Français des Expositions à l'Etranger, fondita 1890.

*Germanujo* : Staendige Ausstellungskommission fuer die Deutsche Industrie, f. 1906.

*Holandujo* : Vereeniging voor Tentoonstellingsbelangen., f. 1906.

*Hungarujo* : Orszâgos Magyar Kiâllitâsi Koezpont., f. 1907.

*Italujo* : Comitato Nazionale per le Esposizioni e le Esportazioni Italiane all' Estero., f. 1905.

*Svisujo* : Schweizerische Zenstralstelle fuer das Ausstellungswesen., f. 1908.

La administracio havas lokon en Bruselo. Ĉiuj Esperantistoj, kiuj estas anoj de iu nacia komitato devus klopodi, ke Esperanto estu akceptata kiel oficiala lingvo de tiu federacio.

M. K.

# La Faktoj

*24 februaro. Livorno.* — Ektuŝego de la vaporŝipoj « Kurland » (Belga) kaj « Osiris » (Angla). Tiu ĉi malflosiĝas.

*Mesino.* — Alveturo de la japana geologia misio por studi la landojn frapitajn de la tertremo.

*Belgrado.* — Stariĝo de nova ministraro per kunligo de ĉiuj partioj.

*Fischer* (Arkansas-Usono). — Ciklono detruas la urbon ; 13 mortintaj, multaj vunditaj.

*25. Poledo.* — Mortas kardinado Saucha y Hervas ĉefepiskopo de la urbo.

*26. Singaparo.* — La portugala kirasŝipo *Vasko de Gama*, surteriĝas ĉe la eniro de la haveno.

*Parizo.* — Mortas karikaturisto Caran d'Ache

*27. Firenzo.* — Mortas Ridolfi, direktoro de la Muzeo kaj de la galerio.

*28. Madrido.* — Eksiĝas ministro de l'milito generalo Primo de Rivera.

*1 Marto. Lisbono.* — Reĝo Emanuelo inaŭguras la novan deputataron.

*Triesto,* — Inaŭguro de la kongreso de la federacioj de la industriistoj.

*2 Aŭstrio.* — Gravaj neĝlavangoj en Tirolo.

*3. Romo.* — Inaŭguro de LXXIX internacia Ekspozicio de belartoj.

*Parizo.* — La ministro de la publika instruado elektas abaton Loisy kiel profesoron de historio de la religioj en la franca Instituto.

*4. Washingtono.* — Prezidanto Rosevelt transdonas la regantan potencon en la manojn de Prezidanto Taft.

*Londono.* — Deputataro aprobas krediton du 1 miliono da sm. por la senlaboruloj.

*7. Romo.* — Ĝeneralaj balotoj en Italujo. La ekstremaj partioj (klerikaluloj, socialistoj kaj respublikanoj) gajnas kelkajn deputatojn.

*Varsovio.* — Soldataro arestas 140 studantojn dum kunsido en la Universitato.

*9. Londono.* — Solena ricevo de l'Azia esplorsisto Sven Hedin ĉe la geografia Asocio.

*Santiago de Ĉilio.* — Ĝeneralaj balotoj por la senato kaj la deputataro. Venko de la registaraj partioj.

A. Tellini.

NUNTEMPAĴO

## Centjara Festo de Darwin

Londono, Marto 1909.

Darwin, la fama angla naturalisto, kiu naskiĝis en februaro 1809 ne estas konata aŭ nur tre malmulte de la nuntempa vivantaro. Kiel multaj scienculoj kaj pensuloj, li ne montris specialan lertecon ĉe la lernejoj kiujn li ĉeestis. Dum sep jaroj li estis lernanto en privata liceo en Shrewsbury kaj li mem rakontas en sia biografio ke liaj patro kaj instruistoj lin konsideris kiel malbonan lernanton. Li ŝatis nek la malnovajn aŭ malmodernajn lingvojn, nek la historion de l'antikvaj popoloj, kontraŭe la fenomenoj naturaj kaj sciencaj lin tre interesis. Kvankam tute juna, li helpis sian fraton en liaj ĥemiaj serĉoj, anstataŭ studi siajn lernejajn lecionojn. Poste li lernis medicinon ĉe la Edinburga kaj Kembriĝa Universitatoj, sed, li malŝatis la enuajn kursojn, kiujn li malofte ĉeestis, kaj tial estis devigata multe peni por sukcesi la ekzamenojn. Dum tiu perodio de lia vivo li sin ekokupis pri kolektado de plantoj, ŝtonoj kaj precipe de insektoj. Tiu manio baldaŭ foriĝis, pasio kaj juna Darwin trovis insektojn specialajn al Britujo. Tio havigis al li la amikecon de diversaj profesoroj kaj precipe de Henslow, botanisto fama en Anglujo kaj decidigis pri lia estonto. Dank'al la protektado de Henslow, li estis sendita de la registaro en misio kiel naturalisto kaj restis kvar jarojn ĉe diversaj partoj de l'suda duonglobo ; dum tiu epoko li sin konatiĝis kiel geologiiston kaj kolektiston kaj ricevis la unuajn konojn pri la rilatoj ekzistantaj inter la vivantaĵoj, tio igis lin atente pripensi la grandan problemon pri la deveno de la specoj kaj fina eltrovo.

En sia vivraporto, li sciigas nin, ke estis dum 1838, du jarojn post lia reveno en Europo, ke alvenis, al li la ideo de natura disspeciĝo, post legado de Maltusa verko « Principoj de popolo » (Principles of Population). Li tuj vidis ke ĝi klarigus diversajn el la plej strangaj faktoj, kiujn li rimarkis dum sia vojaĝado, sed samtempe li ankaŭ sciiĝis pri la neceseco kolekti ĉiujn faktojn rilatajn tian objekton por esti certa ke li povus klarigi ĉiujn siajn dirojn. Li dediĉis dudek jarojn el sia vivo al la volvo de tiu demando, legante ĉiujn librojn rilate al la plantoj kaj bestoj kaj farante privatajn kaj ofte longdaŭrajn eksperimentojn por konvinkiĝi pri la vereco de siaj elpensaĵoj. Li nur publikigis sian libron, post li fariĝis nepre certa pri la vereco de sia fundamenta teorio kaj nur dum 1859 ; do dudek unu jaroj post la eklaborado de la verko aperis Deveno de la specoj.

Lia teorio konsistas akcepti ke ĉiuj vivantaĵoj devenas de unu nura primitiva formo per la principo de natura disspeciĝo, laŭ kiu, en la batalado por la vivo, la plej favore dotitaj, la plej forte provizitaj aĵoj estas la solaj kiuj sin senfine daŭriĝos kaj havos posteulojn.

Krom tiu verko, Darwin ankaŭ skribis « La deveno de l'homo ». « La esprimo de l'impresoj ĉe homoj kaj bestoj ». « La movoj kaj kutimoj de grimpantaj plantoj ». « Vojaĝo de naturalisto ĉirkaŭ la mondo » k. t. p. Estas pro sia laste nomita libro ke Darwin estas plej bone konata, kvankam kiel ni jam diris multaj eĉ ne scias lian nomon.

Laboro scienca de l'plej alta graveco kiel ankaŭ de popola intereso kiu daŭriĝis kvardek jarojn estas jam nepre forgesita de l'pli multo kaj tamen nur dudek ok jaroj pasis de la apero de la lasta verko de tiu famulo !

P. Blaise.

INTERNACIAJ DOKUMENTOJ

## LA NOBEL-PREMIOJ

Unu el la plej interesaj kaj ŝatataj internaciaj institucioj estas la tiel nomata Nobel-premioj, por kiuj konkursas ĉiujare la plej eminentaj famuloj de la civilizita terglobo, sed oni ofte ne scias en kio ĝuste konsistas tiuj premioj ; la Esperantistojn do verŝajne interesos ekscii la kondiĉojn por la ricevo de tiuj premioj, tiom pli ke ili havas pretan laŭreaton.

Alfred Nobel, fondinto de la premio, naskita en Stockholm je 1833 kaj mortinta en San Remo je 1896, estas konata kiel la elpensinto de la dinamito, kiu kiel eksplodilo, rapide anstataŭis ĉiujn antaŭe uzitajn eksplodajn subtancojn. Por ĝia fabrikado li havis pli ol 20 uzinojn ĉu en Eŭropo, ĉu en Usono ; al li estas ŝuldataj ankoraŭ multaj gravaj eksperimentoj pri eksplodiloj kaj ĥemio. Tre malavara li post sia morto fordonis preskaŭ sian tutan grandan riĉaĵon (20 milionoj da S) por la fondo de la premioj, kiuj ricevis lian nomon. Jen la parto de lia testamento traktanta tiun demandon : « La cetero de mia reala riĉeco, je mia morto, estos uzata kiel sekvas : la kapitalo, konsistigata el certaj valoroj de miaj testamentaj efektivigontoj, formos fondaĵon kies rento estos ĉiujare disdonata kiel rekompenco al tiuj, kiuj dum la ĵusa jaro, estos plej multe servintaj al la homaro. La valoro estos dividata je kvin egalaj partoj difinotaj la du unuaj por tiuj, kiuj sur la scienca kampo, faros la plej gravan eltrovon aŭ perfektigon ; tria por la aŭtoro de la plej grava fiziologia aŭ medicina eltrovo ; la kvara por la aŭtoro de la plej rimarkinda literatura verko, laŭ idealisma vidpunkto ; fine la kvina por tiu, kiu la plej multe aŭ la plej bone laboros por la fratigado de la popoloj, por la forigo aŭ malgrandigo de la konstantaj armeoj, por la starigo kaj disvastigo de la pacaj kongresoj. La premiojn disdonos : por fiziko kaj ĥemio la Sveda Scienca Academio ; por fiziologio kaj medicino la Instituto Carolin de Stokholm, por literaturo la akademio de Stockholm, por la paco komisio de kvin membroj elektotaj de la Norvega Deputataro. Laŭ mia nepra volo, oni por la difino de la premioj neniel atentu pri nacieco, tiel ke la premion ricevu la plej merita homo, ĉu Skandinavo, ĉu ne. »

Speciala regularo estis ellaborita por la ricevkondiĉoj de tiuj premioj. Jen kelkaj el ĝiaj ĉefaj punktoj : La valoro de premio povas esti dividata inter du personoj, se ĉiu egale meritas ĝin. Se laboro rekompencita estas la rezultato de du aŭ pluraj kunlaborantoj, la premio estas kolektive difinata. La laboroj de mortintaj aŭtoroj ne estas rekompenceblaj, escepte se la propono estis prezentita antaŭ la morto. Se nenia laboro meritas premion, ĝia valoro povas esti rezervata por la sekvanta jaro. Se tiam neniu meritas la premion, ĝia valoro estas remetota en la ĉefan fondaĵon, escepte se la tri kvaronoj de la voĉdonantoj decidas starigi fondaĵon por instigi alie ol per premio, la tendencojn celitajn de la testamentinto. Por konkursi oni devas esti proponata de kompetentaj personoj ; neniu povas mem sin proponi. Ĉiu propono devas esti motivita kaj akompanita de la dokumentoj, sur kiuj ĝi estas starigita. Se la propono estas redaktata nek en iu el la Skandinavaj lingvoj, nek en angla, franca, germana aŭ latina, aŭ se por juĝi prezentitan laboron, la juĝantaro devas ekkoni dokumentojn, en lingvo, kies interpreto kaŭzus specialajn malfacilaĵojn aŭ gravajn elspezojn, ĝi povas ne ekzameni detale la proponitaĵon. La laŭreatoj de la premioj devas, se ili ne havas malhelpon, fari, ses monatojn post la disdono, paroladon publikan kies temo estos la rekompencita laboro. Tiuj paroladoj okazas en Stockholm, kaj por la pacopremio en Christiania.

Ĉiuj proponoj devas esti prezentataj antaŭ la 1a de Februaro por la kuranta jaro. Por fiziko, ĥemio kaj medicino rajtas proponi kandidatojn la membroj de la Sveda Scienca Academio, la Nobel-komitatanoj, la laŭreatoj de la nobel-premioj, la profesoroj de diversaj svedaj universitatoj kaj fremdaj institucioj elektotaj de la Scienca Akademio, fine la sciencistoj, kiujn oni petos por prezento de kandidatoj. Por literaturo povas prezenti kandidatojn la membroj de la Akademioj Sveda, Franca, Hispana, la membroj de literaturaj institucioj similaj al akademioj, la universitataj profesoroj de estetiko, literaturo kaj historio. Por la premio de la paco, la Norvega Deputataro elektas konstantan Nobel-komitaton de kvin membroj ; la rajto prezenti kandidatojn apartenas al la Nobel-komitatanoj, al la membroj de la parlamentoj kaj registaroj de l'diversaj regnoj, al la membroj de la interparlamenta Unio, de la Haga Arbitracia Kortumo, de la konstanta oficejo de l'paco, de l'instituto de Internacia Juro ; al la profesoroj de juro, historio kaj filozofio en la universitatoj. Tiu premio povas esti donata ne nur al individuo, sed ankaŭ al institucio aŭ asocio.

Estas ankoraŭ notinde, ke la korporacioj difinitaj por la disdono de l'premioj, rajtas starigi konstantajn instituciojn en la celo unue certigi al si helpon por la ekzameno kiun necesigas la difino de l' premioj, due servi, laŭ aliaj rilatoj, la celon de la fondaĵo. Tiuj institucioj estas nomataj « Nobel-Instituto » ; ili estas finance sendependaj. Jam ekzistas Nobel-Instituto scienca, por la kontrolo de la eltrovoj proponitaj por rekompenco kaj la instigo al la fizikaj aŭ ĥemiaj esploroj, kiuj povus havi gravajn rezultatojn, Nobel-Instituto por literaturo, kun biblioteko dediĉita precipe al moderna verkaro ; kiu preparos la demandojn pri la premio, liveros raportojn pri la laboroj literaturaj faritaj ĉiulande kaj tradukos la verkojn de fremdlingvaj aŭtoroj; Nobel-Instituto Norvega, kiu celas informiĝi pri la internaciaj rilatoj speciale el pacitista vidpunkto, labori por la pliproksimigo de la popoloj kaj la progreso de la ideoj pri intergenta justeco kaj frateco ; ĝi posedas bibliotekon, revukolektojn, legejon, k. c. kaj povas monhelpi similajn instituciojn.

Ĉiu premio Nobel atingas nun la valoron de 90.000 ĝis 110.000 Spesmiloj, kaj estas disdonataj de post jaro 1901. Jen, de tiu tempo, la ĉefaj laŭreatoj : Por fiziko : *Roentgen*, eltrovinto de la X. radioj ; *R. Lorenz*, el Zuriĥo ; *D-ro Zeeman*, el Amsterdam ; *Henri Becquerel*, el Parizo ; *P. Currie*, el Parizo por liaj laboroj pri radiumo ; *lord Raleigh*, el Londono ; *Ph. Lenard*, el Kiel. Por ĥemio : *J.-H. Van't Hoff*, el Berlin ; *E. Fischer*, el Berlin ; *William Ramsay*, el Londono, k. a. Por medicino : *E. von Behring*, el Marburg ; *N. R. Finsen*, el Kopenhago ; *R. Koch*, el Berlino, por liaj laboroj pri tuberklozo ; *Metchnikoff*, el Parizo, laboroj pri venera infekto, k. a. Por literaturo : *Sully Prudhomme*, franca poeto ; *Th. Mommsen*, germana historisto ; *Bjornstjerne Bjornson*, Norvega poeto ; *J. Echegaray*, dramverkisto el Madrido ; *Mistral*, la renoviganto de la Provenca literaturo ; *H. Sienkiewiez*, aŭtoro de « Quo Vadis » ; *Swinburne*, angla poeto, k. a. Por la paco : *Henry Dunant*, el Genève ; *Frederic Passy*, el Paris ; *baronino von Suttner* ; *la Instituto de la Internacia Juro* ; *prezidanto Roosevelt*, k. a.

Multaj, ĉiuj, Esperantistoj deziras, ke la laŭreatoj de tiu lasta premio estu homo konata kaj respektata de ili ĉiuj, homo, kies verko pli multe efikos por la interpopola paco ol elokventaj paroladoj aŭ diplomataj traktatoj. Ni esperu, ke per nia laboro, estos baldaŭ ebligata tia rekompenco al la modesta geniulo per kies verko diverslingvanoj sin reciproke komprenas kaj forgesas la plej altajn intergentajn barojn.

R.S.

AERVETURADO

### Novaj eksperimentoj

En Pau (Pireneoj) Wilbur Wright daŭrigis sukcesajn flugojn kaj plenumis la instruon al du direktistoj. Li flugis antaŭ la reĝo de Hispanujo kaj, baldaŭ sendube, flugos antaŭ la reĝo de Anglujo.

En Majo de tiu ĉi jaro gefratoj Wright provos flugi en sia flugmaŝino trans la « Tempelhofer Feld » en Berlino. Aliparte la « Berliner Verein für Luftschiffahrt » aranĝas ankaŭ en majo 1909 internacian konkurs veturadon de aerŝipoj.

P. Nbg (Berlino).

∴ En Savannah (Ĝeorĝis-Usono) fondiĝis Amerika Kompanio Aerveturada kun kapitalo da 150.000 S. Ĝi povos fari flugmaŝinon en tempolimo de 30 tagoj post la mendo. Tiu societo estas verŝajne la plej maljuna por la fabrikado de aeroveturiloj, ĉar en sia antaŭa formo, ĝi estis fondita en 1892 kaj tiam faris eksperimentojn, sed nesukcese. La eksperimentoj okazos en Savannah. Se tiu kio faras maŝinon en unu monato aŭ du, ĝi estos la unua de sia speco en Ameriko, kiel de la maŝino Wright en Francujo.

E. E. O. (Savannah).

FELIETONO DE « ESPERANTO » 2

# RAKONTO

PRI

# SEP PENDIGITOJ

De Leonid ANDREJEV

Dediĉita al Lev. Nikolajeviĉ Tolstoj.

### I. Je l'unua horo, Via Ekscelenco.

(*Daŭrigo*)

Fariĝis tiel facile kaj agrable, kvazaŭ iu diris al li, ke li neniam mortos, ke li estas tute senmorta. Kaj denove sentinte sin forta kaj saĝa en tiu ĉi aro de malsaĝuloj, kiuj tiel sensence kaj malhumile volas penetri sekreton de sekvontaĵo, li meditadis, per malgajaj pensoj de maljuna, malsana kaj multon elsuferinta homo, pri feliĉaĵo de nesciado. Al nenia vivaĵo, nek al homo, nek al besto estas destinate koni la horon kaj tagon de morto.

Jen lastatempe li estis malsana ; la kuracistoj diris, ke li mortos, ke li faru la antaŭmortajn aranĝojn, sed li ne kredis al ili kaj efektive restis viva kaj dum lia juneco okazis tiel : li enperdiĝis en la vivo kaj decidis memmortigon ; li preparis revolveron, skribis leterojn kaj eĉ difinis la horon de memmortigo, — kaj en la lasta momento li alipensis kaj ĉiam dum lasta momento io povas ŝanĝiĝi, povas aperi neatendita okazintaĵo, kaj tial neniu povas diri, kiam li mortos.

« Je l'unua, Via Ekscelenco » — diris al li tiuj ĉi afablaj azenoj, kaj kvankam ili diris nur tial, ke la morto estis antaŭforigita, jam la informo pri ĝia ebla horo plenigis lin per teruro. Estas tute eble, ke iam oni lin vere mortigos, sed morgaŭ tio ĉi ne okazos — morgaŭ tio ĉi ne okazos — kaj li povas dormi trankvile, kiel senmortulo. Malsaĝuloj, ili ne sciis, kian grandan leĝon ili ekmovis el ĝia loko, kian abismon ili malfermis, kiam kun tiu ĉi sia idiota afableco diris : » je l'unua, Via Ekscelenco.

— Ne ! ne je l'unua, Via Ekscelenco, sed nekonate kiam. Nekonate kiam. Kion ?

— Nenion — respondis la silento. — Nenion.

— Ne, ĉi diras ion.

— Nenion. Malgravaĵo. Mi diras : morgaŭ, je l'unua post tagmezo. Kaj kun subita, akra korsopiro li komprenis, ke nek dormo, nek kvieto, nek ĝojo venos al li, ĝis kiam foriros tiu ĉi malbenita, nigra, elkaptita de ciferplato horo. Nur la ombro de kono pri tio, kion nenia vivaĵo devas koni, kaj ĝi sufiĉis por malheligi la lumon kaj ĉirkaŭi la homon per netravidebla mallumo de teruro. Foje malkvietigita la timego antaŭ la morto disondiĝis tra korpo, penetris la ostojn. Li jam ne timis morgaŭajn mortigintojn — ili malaperis, estis forgesitaj, miksiĝis en amaso da malamikemaj homoj kaj aperaĵoj, ĉirkaŭantaj lian homan vivon, sed li timis ion subitan kaj neeviteblan : apopleksion, korkrevon, ian maldikan malsaĝan aorton, kiu subite ne eltenos la alfluon de sango kaj krevos, kiel ganto perforte tirita sur ŝveletaj fingroj. Kaj mallonga, dika kolo ŝajnis timega, kaj estis neelporteble vidi la ŝvelintajn fingrojn, senti, kiel ili estas mallongaj kaj plenaj de mortiga fluidaĵo. Se antaŭe en mallumo li devis movetîĝi, por ke li ne similu mortinton, do nun en tiu ĉi hela, malvarme malamikema, timiga homo, ŝajnis terura, neebla la moveto por preni cigaredon aŭ sonvoki iun. La nervoj streĉiĝadis ; ĉiu nervo ŝajnis simila je fleksegita metalfadeno, sur kies pinto estis kapeto kun okuloj freneze elŝovitaj de teruro, kun buŝo konvulsie malfermegata, sufokiĝanta, senparola. Neeble spiradi. Subite ie en mallumo, polvo kaj araneaĵo sub plafono, reviviĝis elektra sonorilo. Malgranda metala langeto konvulsie terure batadis la randon de sonanta taso, haltadis kaj denove tremegis kun senĉesa teruro kaj sonanado. Tio ĉi sonis el sia ĉambro la Ekscelenco.

Kuregis homoj. Tie kaj ĉie en lustroj kaj sur muroj eklumiĝis apartaj lampetoj, — ili estis malmultaj por lumigi, sed sufiĉe por aperigi ombrojn ; ĉie ili aperis : stariĝis en anguloj, tiriĝis sur plafono, alnetiĝis sur muroj ; kaj malfacile estis kompreni, kie estis antaŭe ĉiuj ĉi sennombraj kriplaj, silentemaj ombroj, silentemaj animoj de silentemaj aĵoj. Densa tremanta voĉo ion laŭte diris. Poste oni postulvokis telefone postulvokis doktoron : la altrangulo eksvenis, elvokis ankaŭ la edzinon de Ekscelenco.

### II. Al ekzekuto per pendigo.

Okazis tiel, kiel antaŭvidis la polico. Kvar teruristojn, tri virojn kaj unu virinon, armitajn per bomboj, inferaj maŝinoj kaj revolveroj oni kaptis apud la sama alveturejo, la kvinan oni trovis kaj arestis en konspira loĝejo, kies mastrino ŝi estis. Oni konfiskis multe da trovita tie dinamito, duonpretajn bombojn kaj armilojn. Ĉiuj arestitoj estis tre junaj : la plej aĝa viro havis dekok jarojn, la plej juna virino nur dek naŭ. Oni juĝis ilin en tiu sama fortikaĵo, kien oni metis ilin post la aresto ; oni juĝis rapide kaj nepublike, kiel oni ĝin kutime faradis dum tiu senkompata tempo.

Dum la juĝo ĉiuj kvin estis trankvilaj, sed tre seriozaj kaj tre enpensiĝemaj : ilia malestimo al juĝistoj estis tiel granda, ke neniu volis sustreki sian kuraĝon per superflua rideto aŭ per ŝajniga gaja vido. Ĝuste tiom ili estis trankvilaj, kiom estis bezone por ŝirmi sian animon kaj grandan antaŭmortan mallumon kontraŭ fremda malbona kaj malamika rigardo. Iafoje ili rifuzis respondi la demandojn, iafoje respondis — mallonge, simple kaj precize, kvazaŭ ili respondis ne al juĝistoj, sed al statistikuloj por plenigi iajn specialajn tabelojn. Unu virino kaj du viroj donis siajn verajn nomojn, du rifuzis doni la nomojn kaj tiel restis nekonataj de la juĝistoj. Al ĉio okazinta dum la juĝo ili montris tiun negrandan, kvazaŭ vualitan, scivolemon, kiun montrus homoj aŭ grave malsanaj, aŭ forlogitaj per unu grandega speciala penso. Jam ili rapide ekrigardis, kaptis ian, trafluganta pli interesan ol aliaj, vorton — kaj denove daŭrigis siajn pensojn de tiu sama loko, kie ili ĵus haltis.

La unua apud la juĝistoj sidis unu el tiuj, kiuj donis sian nomon — Sergej Golovin, filo de ekskolonelo, mem estinta oficiro. Li estis ankoraŭ tute juna, blonda largaŝultra homo, tiel sana, ke nek la malliberejo, nek la atendata neevitebla morto povis forigi la kolorojn de liaj vangoj kaj la mienon de juna, feliĉa naiveco de liaj bluaj okuloj. La tutan tempon li energie pinĉadis sian malkombitan helan barbeton, al kiu li ankoraŭ ne kutimis, kaj, fermetante la okulojn kaj palpebrumante, li senĉese rigardadis la fenestron.

Tio ĉi estis je l'fino de vintro, kiam inter neĝaj ventegoj kaj sensunaj frostaj tagoj la baldaŭa printempo sendadis, kiel antaŭkurieron, helan, varman sunan tagon aŭ eĉ nur unu horon, sed tian printempan, tian avide junan kaj brilantan, ke la paseroj sur la strato freneziĝis de ĝojo kaj la homoj kvazaŭ ebriiĝis. Kaj nun tra la supra surpolvita, de pasinta jaro ne purigita fenestro, oni vidis tre strangan kaj belan ĉielon : por la unua rigardo ĝi ŝajnis laktegriza, fumeta, sed kiam oni rigardas pli longe — en ĝi aperadas bluetaĵo, ĝi fariĝas ĉiam pli profunda, — ĉiam pli hele, ĉiam pli senlime blua kaj ĉar ĝi...tial ne malkovriĝis subite, tuta sed ĉaste kaŝiĝis en fumeto de travideblaj nuboj, tial ĝi fariĝis kara, kiel virgulino, kiun oni amas. Kaj Sergej Golovin rigardis ĉielon, pinĉadis la barbeton, fermetis jen unu, jen alian okulon kun longaj lanugaj okulharoj kaj peneme meditadis ion. Unu fojon li rapide movetis la fingrojn kaj naive grimacis de ia ĝojo, — sed ekrigardis ĉirkaŭen kaj estingiĝis kiel fajrero alpremita per piedo. Kaj preskaŭ momente tra koloro de vangoj, preskaŭ sen paliĝo, aperis tersimila, morta bluetaĵo, kaj lanuga haro, eltirita kun doloro el sia harnesto kunpremiĝis kiel en premilo en la fingroj, blankiĝintaj ĉe l'finoj. Sed ĝojo de l'vivo kaj printempo estis pli forta — kaj post kelkaj minutoj la antaŭa, juna, naiva vizaĝo sin tiris al printempa ĉielo.

Tien ankaŭ, en la ĉielon, rigardis juna, pala knabino, nekonata, laŭ alnomo Musja. Ŝi estis pli juna ol Golovin, sed, kun ŝia severeco kaj nigrajo de ŝiaj rektaj kaj fieraj okuloj, ŝi ŝajnis pli aĝa. Nur la tre maldika, delikata kolo kaj tiaj samaj virgaj manoj diris pri ŝia aĝo, kaj ankaŭ tiu nedifinebla io, kiu estas la juneco mem, kaj sonadis tiel klare en ŝia pura, harmonia voĉo, senriproĉe agordita, kiel multekosta muzikinstrumento, en ĉiu simpla vorto aŭ ekkrio, aperiganta ĝian muzikan riĉecon. Ŝi estis tre pala, ne de malviva paleco, sed de tiu speco de varmega blankaĵo, kiam interne de homo estas kvazaŭ ekbruligita grandega forta fajro kaj la korpo lumiĝas diafane, kiel delikata Sevra porcelano. Ŝi sidis preskaŭ ne movetiĝante kaj nur malofte ŝi palpadis, per nerimarkebla movo de fingroj, la profundiĝintan strion sur la meza fingro de dekstra mano — postsigno de iu forprenita ringo. Ŝi rigardis la ĉielon, sen kareso kaj sen ĝojaj rememoroj kaj nur tial, ke en la tuta malpura registara salono tiu ĉi parteto de l'ĉielo estis plej bela, plej pura kaj justa — kaj nenion eldemandis de ŝiaj okuloj.

Trad. D-ro J. Oŝtrovski.

(*Daŭrigota*).

